I Jaro. I Num. 1917 Januaro.—Madrido




ILUSTRITA REVUO MONATA.—OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA FEDERACIO»

## Niaj unuaj vortoj

En fatalaj tempoj por la Homaro aperas Hispana Esperantisto, tamen, post nia tutkora saluto por la Esperantistaro, estu nia unua deziro tiu de Proksima Paco.





L. L. Zamenhof.

700.011-B

# La tempo plej bone uzita

Eŭropo estos baldaŭ senarbigita pro la tro multa detranĉo de la arbo kaj de ĝiaj produktaĵoj; tial la kosto de la ligno kreskas kaj kreskos senhalte. Estas ja plej bona afero planti arbarojn, kaj ni baldaŭ vidos ke en multaj el la fruktodonaj teroj, nun dediĉitaj por la terkulturo, oni plantos pinarbojn, kverkojn, eŭkaliptojn kaj poplojn.

Certe, el ĉiaj manlaboroj, la plej fruktodona estas planti arbojn, kvankam ĝi estas facila afero, afero simila streĉi horloĝon. Ja tio ĉi estas farita dum malmultaj sekundoj, kaj tamen, la horloĝo plenumas sian devon la tutan tagon, kaj ankaŭ dum nia dormado.

Por planti arbon oni nur bezonas fosi la teron, zorge enterigi la radikojn de la arbido, kaj surverŝi akvon; eĉ en favoraj cirkonstancoj sufiĉas enterigi la semon. La arbo de vi plantita, por kompensi la homan laboron faritan dum unu horo aŭ unu minuto, laboras senhalte unu jarcenton aŭ pli multe, purigante la aeron, kaj ĝin riĉigante per balzamodoroj, kiuj sanigas la korpon kaj fortikigas la animon, dissendas freŝigantan ombron, fiksas la teron de la montaj deklivoj, malpermesante ke, pro sinsekvaj tertrabaĵoj, sin montros nuda la ŝtonego; malfaciligas la superakvojn, reguligas la akvofluon en la riveroj kaj riveretoj, riĉigas la fontojn, beligas la landon, kaj faras plej aminda la patrujon. Ĝi ŝirmas la birdetojn kaj tiamaniere kontraŭstaras la domaĝantajn insektarojn, kiuj detruas la rikoltojn. Plie, kiam la arbaro estas densa ne bezonas ian ajn kulturon, ĉar la arbo en densejo scias moligi la teron, pligrandigi sian produktemon kaj konservi la akvon ricevitan de la pluvo kaj la neĝo, celante ke ĝi taŭgu por la fabrikado de vegetaĵa materio. La arbo pagas sufiĉege al la homo la renton de la tero okupita per siaj radikoj, ĉar ĉiujare pretigas lignan anelon, kiu kovras la tutan lignon de la antaŭaj jaroj, kaj iaj arboj ankaŭ faras alian anelon korkan, liveras fruktojn kiuj taŭgas por la nutrado, branĉojn por la fajrujo, rezinon kaj taninon por la industrio, k. t. p..



*Montaro Espuña.—«La Giganto» (Murcia)*

Ĉu tio ne sufiĉas? Tamen, ĝi ankaŭ pli donas, tial ke dum la milito la arbaro estas plej bona helpanto por la enlanda militistaro, ĉar ĝi kaŝas eĉ por la aeroplanoj, la movojn de la taĉmentoj kaj la loko de la baterioj kaj tranĉeoj. Ĝi liveras la necesajn lignaĵojn por fortikigi la fosaĵojn kaj subteraj konstruoj, por firmigi la vojojn tra kiuj oni kondukas la kanonegojn, la lokon kie oni starigos la baterion, por konstrui barakojn kie loĝos la soldatoj kaj oni kuracos la vunditojn, por pavimi la tranĉeojn en la kamparoj akvumitaj, por pretigi la nutraĵon kaj varmigi la gardostarantojn, kiam tio estas eble. Ankaŭ oni elĉerpas el ĝi celulozon por eksplodaĵoj kaj ion por anstataŭi la kotonon uzitan por la kuracado de la vundoj. Aliformigita je paperpasto kaj papero, sur ĝi oni presigas la tre multajn ĵurnalojn, revuojn kaj librojn, kaj la sama papero, iom aliformigita, taŭgas por fari

ĉemizojn, ŝtrumpetojn kaj veŝtojn tre higienaj, uzataj de la rusoj batalantaj. Ankaŭ oni fabrikas el dirita pasto fadenojn kaj poste teksaĵojn multe ŝatataj.

Oni povas konkludi de tio, kiom multe da utileco ricevas la homoj kaj la lando de la malgranda klopodo necesa por planti arbon. Ni plie memoru ke la arbo en la arbaro multobliĝas kaj disvastiĝas sen helpo de terkulturisto, kiam la homo ne tion kontraŭstaras, kaj tiamaniere la arbaro sukcesas vesti la tutan deklivon de monto per smeralda mantelo, kaj tial, la arbaro deveninta de unu sola arbo, povas vivi kaj fruktodoni jarcento post jarcento.

La sekreto pri tiu grava sukceso, estas ke kiam oni plantis arbon, estas kunlaboranto de la homo la Patrina Naturo, kiu plenumante Diajn ordonojn ĉiam klopodas por produkti kiel eble plej multe.

Mi trankvile atendas la tagon, jam ne malproksima, kiam la malsano kaj la malforteco regos sur mi, ĉar mi scias ke tiam, la arboj de mi plantitaj en la montaro *Espuña* daŭrigos purigante la aeron kaj pligrandigante la riĉaĵojn de la amata patrujo; tio estas: laborante anstataŭ mi. Kaj ankaŭ ili daŭrigos sian taskon eĉ kiam miaj ostoj nur estos polvo kaj cindro. Tial, mi konfesas ke la tempo plej profitdona dum mia jam tre longa vivado (1), estas tiu kiun mi uzis por planti arbarojn.

*R. Codorníu*
Inĝeniero de arbaroj.



*Montaro Espuña.—«Akvofalo de la Molinico»*
*(Murcia)*

# La aglo kaj la aeroplano

Sur alta ŝtonego la aglo fortika
pripensas kun granda fiero:
«Mi estas sendube, el ĉiuj estaĵoj
la vera reĝ' de l'atmosfero»

«Mi flugas rapide, mi flugas libere
super la plej altaj montaroj;
en l'aera vojo kaj super la nuboj
neniam mi trovas la barojn»

«Certe konkuranton neniam mi trovos,
mi estas feliĉa, bonsorta;
mi estas l'estaĵo el la mondo tuta
plej alten fluganta kaj forta».

«Malsupre la Homo la Mondon regadas,
li havas la maron kaj teron,
sed li, malfeliĉa, ne havas flugilojn,
neniam li regos l'aeron»

La povajn flugilojn ĝi forte batante
kun bela majesta trankvilo,
ekflugas serĉante ĉasaĵon bongustan
per l'akrevidanta pupilo.

Subite ĝi aŭdas malproksiman bruon
kaj vidas ĉe la horizonto
grandegan birdegon kun grandaj flugiloj
flugantan super alta monto.

La aglo rapidas al nova birdego
simila je monstro ĥimera,
alvenas proksimen, kaj blinde kuraĝa
la agl' atakegas kolera.

(1) Krom la lernado de Esperanto, kompreneble!

Fajreto briletas, ektondras bruego
de l'monstro fluganta jetita
kaj ektimigita la aglo rapide
forflugas dolore vundita.

La aglo murmuras: «Ĝi monstro ne estas,
sed ĝi estas homo fluganta;
kontraŭ li mi povos batali neniam;
li estas la ĉiam venkanta.»

Alvenas en neston, kaj aglo maljuna
ekkrias: «La Hom' estas dia;
ĉion kion volos li ĉiam atingos.
La tuta planed' estas lia!».

*Rafael de San Millán*



*Rivero Espuña.—Pejzaĝo (Murcia)*

# MURCIA

Abderrahman, pranepo de Abderrahman I.ª, fondis ĉi tiun urbon kaj nomis ĝin *Todmir*, sed la plimulto el la loĝantoj preferis nomi ĝin *Murcia*, pro la loko sur kiu ĝi staras. Tamen, ĝis la VIIIª jarcento ne aperas en la historio ĉi tiu nomo, kiam oni raportas pri la batalo ĉi tie ludita de Omeya (Omeja) kontraŭ la militestro de la *yemenies*. Murcia kristaniĝis kiam ĝin almilitis *Jaime el Conquistador*, reĝo de Aragono, je la 12.ª de Februaro de 1266ª.

La urbo, laŭlonge la rivero *Segura*, preskaŭ staras sur la centro de vasta ebenaĵo, de vasta fruktoĝardeno, nuancata de vilaĝoj kaj kampodomoj. Ĝi havas du belajn pontojn.

Kvankam la loĝantaro konsistis el 125.243 personoj je 1910, tamen, en la urbo nur loĝis 30.000, je tiu ĉi dato.

Je sep kilometroj de la urbo, belega akvohaltiga murego, nomata *Contraparada*, kiun oni supozas konstruis la araboj, faciligas la surverŝon por ĉi tiu vasta fruktoĝardeno kaj por tiu de *Orihuela*. *Murcia* estas riĉa kaj industria urbo.

En ĉi tiu urbo estas Universitato kaj Provinca Instituto Teknika, kies salonoj pri Fiziko, Natura Historio kaj Terkulturo, estas rimarkindaj. En ĉi tiu Instituto estas Provinca Biblioteko.

Estas vizitindaj la Seminario de *S. Fulgencio* kaj Episkopa Palaco (Placo *Cardenal Belluga*), la Ekonomia Societo de la Amikoj de la Lando (Strato *Sociedad*, 14.ª), la Provinca Muzeo (Placo *Trinidad*), en kiu oni trovas pentraĵojn, antikvaĵojn kaj Kristnaskiĝan Prezentadon de *Salcillo* konsistanta el 556 skulptitaj bildoj.

La katedralon (Placo *Cardenal Belluga*) oni ekkonstruis je 1388. La ĉefa fasado kun la pordo estas grandioza kaj riĉa, kvazaŭ ŝtona grandaltaro; interne, la stilo estas gotika, de la transira periodo de la dua en la trian epokon. La stilo de la kapelo de la *Velez* (familio tiel nomata) estas florgotika; oni komencis konstrui ĝin je la XV.ª jarcento kaj tie oni povas admiri du pentraĵojn de *Lucas Jordan*. La kapelo de la *Junteron* estas renesanca, kaj la seĝaro de la ĥorejo devenas de la Monaĥejo de *S. Martín de Valdeiglesias*. En alia kapelo staras arta tombo de *Jácome Ruiz*, nomata *Jácome Ruiz de la Leĝoj*,

tial ke li kunlaboris kun la *Klera Reĝo* (*el Rey Sabio*). La koron de ĉi tiu reĝo oni konservas en la grandaltaro, dekstre.

Oni ekstarigis la faman turon de la katedralo je 1519, ĝi estas 93 metrojn alta, konsistanta el diversaj korpoj, kaj de la parto, nomata lanterno, oni ĝuas belegan vidaĵon. La nuna korpo estas unu el la plej belaj kaj rimarkindaj monumentoj de la itala stilo renesanca; la stilo de la dua estas hispana.

En la preĝejo de *N. P. Jesús* (Placo *S. Agustín*) estas kunigataj la famaj skulptaĵoj pri la Pasio kaj Morto de la Savinto de *Salcillo*, fama skulptisto *murciana*. Matene, ĉiu Sankta Vendredo okazas procesio, portante ĉi tiujn skulptaĵojn mirindaj. Ankaŭ estas multaj skulptaĵoj de ĉi tiu skulptisto en aliaj preĝejoj de *Murcia*.

*Murcia* havas bonajn teatrojn, hotelojn kaj gastejojn, kaj belajn promenejojn, precipe tiun de la *Malecon* (digego), de kie oni povas rigardi belegajn vidaĵojn, precipe kiam la suno ekmalaperas.

Per elektra tramo oni povas fari ekskurson por admiri la fruktodonan kamparon. Per omnibuso ankaŭ en la montaron *Carrascoy*, vizitante la ermitejon *Fuensanta*, de kie oni ĝuas la belecon de la *Segura* valo; la monaĥejon *Luz*, kaj tiun de *S. Catalina*.

Ankaŭ estas vizitindaj, la kastelo de *Monteagudo*, je kvin kilometroj; la akvohaltiga murego *Contraparada*; la monaĥejo *Jerónimos*, kie estas la plej belega kaj arta skulptaĵo de *Salcillo*.

La klimato estas tre dolĉa de la monato Novembro ĝis Aprilo, ĉar dum ceteraj monatoj estas tre varma. Preskaŭ neniam la ĉielo estas nuba; la ventoj ne estas oftaj, nek fortaj.

Eĉ dum la vintro la floroj estas abundaj, kaj verdaj preskaŭ ĉiuj arboj.

Rapide, kaj komforte oni povas vojaĝi al *Murcia*, kaj de ĉi tiu urbo al *Orihuela*, *Elche* kaj *Alicante*, je unu, du kaj tri horoj; kaj al *Cartagena*, milita haveno, je du horoj. Dum ĉi tiuj rapidaj vojaĝetoj oni ĝuas belegajn pejzaĝojn.

# Malnova vivanta lingvo internacia

## I

## CIGANA LINGVO

La plimulto opinias, ke la cigana lingvo estas lingvaĉo de friponoj, elpensita en karceroj, en prostituejoj kaj en diboĉejoj.

Grava eraro estas tia opinio, same kiel opinii, ke tiu lingvo estas lingvaĉo parolata en malvirtejoj kaj malfeliĉulejoj.

La cigana lingvo ne estas tio: ĝi devenas de iu el dekok hindaj dialektoj, kiuj havas sian fundamenton en la *Sanscrito* kaj *Zend*.

*Ludolf*, *Richardson*, *Grellman*, *Marsden* kaj aliaj spertaj lingvistoj, tion pruvis kaj deklaris publike per siaj respektivaj gramatikoj pri hinda lingvo.



*Katedralo (Murcia)*

Sed ni ne bezonas helpi nin per asertoj tiel konvinkantaj, kiel tiuj de la diritaj spertuloj, tial ke la cigana dialekto, malgraŭ la aliformiĝoj kiujn ĝi suferis pro la pasado de jarcentoj kaj apudesto kun la diversaj gentoj inter kiuj loĝadis tiuj kiuj ĝin parolas, konservas la radikojn de sia lingva deveno. Ĉi tiu lingvo, la *bengali*'idiomo kaj

la moderna idiomo persa, estas iom similaj; kaj ĝi kaj la diversaj dialektoj, kiujn oni parolas en la okcidentaj regionoj de Hindujo kaj devenas de la hindaj lingvoj patraj, per kiuj bramanoj kaj iniciatitoj studas la varian antikvan kaj modernan filologion de Hindujo, estas tre similaj.

Reżultas, do, ke la cigana dialekto ne estas lingvo elpensita de diboĉuloj, kiel iuj opinias, sed dialekto devenita de aliaj kiuj havas praécon el la plej nobelaj, tial ĝin honoris multaj eminentuloj, kaj el ili precipe *Jorge Borrow*, kiu en la jaro 1837 tradukis cigane *Evangelion de Sankta Lukas*, farinte tion tre perfekte, tre precize.

Fine, se ion estiminda havas la cigana gento en la morala kaj materia senco, estas sia lingvo, tiel belsona, harmonia, milda, facila kaj esprima lingvo, ke *Mezofanti*, la fama profesoro pri lingvoj de *Bolonia*, preferis ĝin pli, ol alian ajn el ceteraj de li parolataj, kaj, kiam li freneziĝis je 1832, li miksis en sia babilado tridek lingvojn escepte la ciganan lingvon, kiun neniam li konfuzis kun alia ajn.

★



*Kapelo de la familio Vélez (Murcia)*

# Regularo de la Zamenhofa Federacio

*Regulo 1.ª* Oni starigas, sub la nomo *Zamenhofa Federacio*, tiun de ĉiuj grupoj, esperantaj societoj, kaj izolitaj esperantistoj el la regionoj ambaŭ Kastiloj, Ekstremaduro, Murcio, Galicio, Asturio, Navaro, kaj Baleara kaj Kanaria Insularoj. Tamen, povas aliĝi al ĉi-tiu Federacio kiu ajn esperantisto el aliaj regionoj eĉ fremda, kaj reciproke, kiu ajn Zamenhofano povas aparteni al aliregiona aŭ fremda federacio.

*Reg. 2.ª* Ĉi-tiu Federacio celas unuigi ĉiujn esperantistojn, cititaj per la antaŭa regulo, por propagandi kaj progresigi efike la lingvon Esperanto, ĝis kiam oni atingos ĝian oficialigon.

*Reg. 3.ª* Por plibone plenumi la diritan celon, la Federacio publikigos monatan revuon, nomata «Hispana Esperantisto» kaj kies organizado estos fiksita per aparta regularo, redaktota de la Redaktoraro de la Komitato.

La jarabono estos por federaciano *du pesetojn*, kaj por nefederaciano *kvar*. Deviga antaŭpago. Specimeno kostos tridekkvin centimojn.

*Reg. 4.ª* Federacio konsistos el personaj membroj, ĉiu el kiuj antaŭpagos *unu peseton* jare. Esperanta Societo aŭ grupo povas aliĝi al Federacio per la pago de sama kotizaĵo, ĉu estos federacianoj ĉiuj, iuj aŭ neniu el la societanoj. Ĉiu societo aliĝinta nomos delegiton (kiu estos federaciano, se estas federacianoj ĉe la societo, kaj tiam la delegito rajtos voĉdoni dufoje, kiel delegito kaj kiel federaciano).

La Konsilantaro de l'Federacio konsistas el la delegitoj kaj el federacianoj kiuj estos eminentuloj ĉe Esperantistoj. Federaciestro rajtos koni ĝian opinion pri ia ajn esperanta afero. Krom tio, la konsilantaro raportos, se eble ĉiumonate, pri ĉio kio povos influi efike sur la celo de la Federacio.

*Reg. 5.ª* La Federacion regos direkta komitato konsistanta el Prezidanto, Vic-Prezidanto, Sekretario, Vic-Sekretario, Kasisto,

Vic-Kasisto. Tiu komitato, kaj la esperantistoj kies gramatika kono de la lingvo estos nedubebla, estos la cenzuristoj de la revuo. La Komitato povas esti reelektota tute aŭ parte.

*Reg. 6.ª* La Federacianoj de ĉiu urbo elektos delegiton, kiu enspezos la kotizaĵojn, korespondos por la celoj citataj en la sekvanta regulo kaj pluaj aferoj de l'Federacio kaj estos la pero inter siaj reprezentatoj kaj la komitato. Kiam la federacianoj de unu urbo estos arigitaj laŭ kelkaj grupoj aŭ societoj, ĉiu el ili havos sian delegiton, kiel oni starigas per la regulo 4.ª. Ĉiu delegito rajtas elkalkuli 5 procenton el kotizaĵoj enspezitaj.

*Reg. 7.ª* La komitato venigos almenaŭ unufoje ĉiujare dum la libertempo kaj en malsaman urbon plej grandan nombron kiel eble el la federacianoj, ĉu per Kongreso ĉu per Ĝenerala Kunveno, kie, per tagordo, oni raportos pri la laboroj kaj klopodoj de la Komitato dum la jaro, oni elektos la urbon por la sekvonta Kongreso, kaj la komitaton por la sekvonta jaro, kaj oni diskutos la proponojn publikigitaj en la sama numero de la revuo en kiu estu aperinta la tagordo.

*Reg. 8.ª* La Komitato povos krei la necesajn fakojn por la progreso kaj plenumo de l'celo de la Federacio; la estraro de tiuj fakoj estos reelektata aŭ renovigata de ĉiu nova Komitato, kiu nomos komitatanon por prezidi ĉiun fakon.

*Reg. 9.ª* Ĉiu decido estos aprobita de la plimulto el la ĉeestantaj federacianoj.

*Reg. 10.* La ŝanĝoj proponotaj por ĉi tiu regularo estos prezentataj sufiĉe antaŭtempe por ke ili estu enmetataj en la tagordo kaj publikigotaj tute, ĉar nur en la Kongresoj oni diskutos ilin, La proponoj estos tre lakonaj kaj esperante redaktitaj, ĉar la revuo nur enhavos esperantan tekston.

*Reg. 11.* La oficiala lingvo de l'Kongreso estos Esperanto. Tamen la prezidanto povos en eksterordinaraj okazoj permesi la uzadon de l'kastila lingvo.

*Reg. 12.* En okazo de disiĝo, post decido



*Ketedralo.—Pordo de la Pardono (Murcia)*

de la Federacio, la mono estos elspezata por daŭrigi la publikigon de la revuo kies jarabono estos tiam *kvar pesetoj*. La revuo daŭrigos dume ĝi havos monon por sia publikigo kaj ĉiukvaronjare publikigos la kalkulojn de enspezoj kaj elspezoj.

*Provizora Regulo.* La Federacio loĝos en la urbo kie loĝos la elektitan prezidanton, kiu fiksos la lokon de la asocio.

## MADRIDO

Madridaj Zamenhofanoj proponas: S-rojn Zamenhof kaj Ricardo Codorniu, Honoraj Prezidantoj; S-ron Ed. Künhl, Honora Vicprezidanto; D-ron Rafaelo de San Millan, Prezidanto; Majoron Vicente Alonso, Vicprezidanto; Kapitanon Julio Mangada Rosenörn, Sekretario; Oficiston, Ludoviko Rodriguez, Vicsekretario; Subkolonelo, Miguel Cid, Kasisto; Komizon Jesus Ramirez, Vickasisto.

Ni petas al ĉiuj zamenhofanoj iliajn voĉdonojn. Pri la konsilantaro kaj ĉi tiu revuo, ni atendas novajn aliĝojn proksimaj; tamen, ni sciigas ke, pro la nuna alta prezo de la papero, ĉi tiu revuo estas nun okpaĝa, kaj

ke ĝi estos deksespaĝa aŭ stataŭ dekdupaĝa kiel eble plej baldaŭ.

S-ro Johano Calahorra, membro de Centra Esperantista Grupo (Madrid) sukcese faris paroladon pri Esperanto ĉe la *Institución de*



*Salcillo.—La preĝo en la fruktoĝardeno*

*los Amigos de la Enseñanza*, kaj li malfermis kurson, kiu estas multenombra kaj li baldaŭ fondos grupon.

Ankaŭ S-ro Pintado laboras por fondi alian grupon ĉi tie.

VASKA FEDERACIO

*Vizkajo* La Grupo Esperantista de Bilbao posedas grupejon por en ĝi, klarigi kursojn; por legado kaj kunsido de la grupanoj por ĉiuj propagandaj aferoj. Ni celis de antaŭ du jaroj havi senpagan grupejon. De lasta Oktobro ni solvis perfekte la problemon. Ni klarigas vesperan kurson en la Arta kaj Industria Lernejo, kaj nia esperanta libraro estas en la Biblioteko de tia Lernejo, kie ankaŭ ni ricevas la esperantajn gazetojn. Oni klarigas ankaŭ kursojn en la Socialistaj grupoj de Bilbao kaj la Arboleda, kaj en la grupejo de Barakaldo.

*Gipuzkoo.* Nia ĉeka samideano Sro Kühnl kaj Sro. Tuduri klopodas restarigi la antaŭan grupon kaj kursojn en San Sebastiano. En Toloso nia samideano la pastro Planas klarigas kurson malgraŭ tio ke li estas tro okupita en siaj pastraj laboroj.

*Santandero.* Antaŭ longe estis ĉi tie grupo iom grava kaj ĝi nuliĝis pro nekonataj de mi motivoj. Nuntempe denove tri junaj kaj entuziasmaj esperantistoj kuniĝas kaj fervore lernas. Mi esperas ke ili baldaŭ fariĝos bonaj klarigantoj. Mi promesis al ili fari tie propagandan paroladon tuj kiam ili taŭgos por klarigi.

Bilbao, Januaron de 1917.

*Viktoro O. de Allende*

*Andaluzio* Kiel eble plej baldaŭ oni fondos Andaluzian Federacion.

Bonvolu sendi al ni sciigojn kaj novaĵojn pri esperanta movado, kaj esperantaj aferoj en-kaj eksterlandaj.

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid

**HISPANA ESPERANTISTO**

ILUSTRITA REVUO MONATA

OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA FEDERACIO»

Kvankam formas ĉi tiun Federacion precizaj regionoj el Hispanujo, tamen, povas aparteni al ĝi kiu ajn alia naciano eĉ fremduloj, same kiel *zamenhofano* povas aliĝi al kiu ajn alia federacio eĉ fremda. Jara kotizaĵo federaciana: UNU PESETON.

**JARABONO: Du pesetojn** *por federacianoj zamenhofaj;* **kvar pesetojn,** *por ceteraj esperantistoj.* **Specimeno, 35 centimojn.** *Ĉiam antaŭpago per Poŝta Ĝiro.*

ADRESO: *Pasaje del Comercio, 8, Presejo. Madrid. (Hispanujo).*